Jaro 12 Decembro 1959 N-ro 2



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

Sekretariejo: Orteliusstraat 108.III Amsterdam, Nederlando



D-ro Ludoviko Lazaro Zamenhof, kreinto de Esperanto (1859—1917).

**AL LA FRATOJ**

Forte ni staru, fratoj amataj
Por nia sankta afero!
Ni bataladu kune tenataj
Per unu bela espero!

Regas ankoraŭ nokto sen luno,
La mondo dormas obstine,
Sed jam leviĝos baldaŭ la suno,
Por lumi, brili senfine.

Veku, ho veku, veku konstante,
Ne timu ridon, insulton!
Voku, ho voku, ripetadante,
Ĝis vi atingos aŭskulton!

Dekon da fojoj vane perdiĝos
La voko via ridata, —
La dekunua alradikiĝos,
Kaj kreskos frukto benata.

Tre malproksime ĉiuj ni staras
la unuj de la aliaj...
Kie vi estas, kion fi faras,
Ho, karaj fratoj vi miaj?

Vi en la urbo, vi en urbeto,
En la malgranda vilaĝo,
Ĉu ne forflugis kiel bloveto
La tuta via kuraĝo?

Ĉu vi sukcese en via loko
Kondukas nian aferon,
Aŭ eksilentis jam via voko,
Vi lacaj perdis esperon?

Iras senhalte via laboro
Honeste kaj esperante?
Brulas la flamo en via koro
Neniam malfortiĝante?

Forte ni staru, brave laboru,
Kuraĝe, ho nia rondo!
Nia afero kresku kaj floru
Per ni en tuta la mondo!

Ni ĝin kondukos ne ripozante,
Kaj nin lacigos nenio;
Ni ĝin traportos, sankte ĵurante,
Tra l' tuta mondo de Dio!

Malfacileco, malrapideco
Al ni la vojon ne baros.
Sen malhonora malkuraĝeco
Ni kion povos, ni faros.

Staras ankoraŭ en la komenco
La celo en malproksimo, —
Ni ĝin atingos per la potenco
De nia forta animo!

Ni ĝin atingos per la potenco
De nia sankta fervoro,
Ni ĝin atingos per pacienco
Kaj per sentima laboro.

Glora la celo, sankta l' afero,
La venko — baldaŭ ĝi venos;
Levas la kapon ni kun fiero,
La mondo ĝoje nin benos.

Tiam atendas nin rekompenco
La plej majesta kaj riĉa:
Nia laboro kaj pacienco
La mondon faros feliĉa!

*L. L. Zamenhof*




**La IFEF-estraro deziras al ĉiuj geamikoj sanon kaj sukceson en 1960**

## MEMORE AL NIA MAJSTRO

Antaŭ cent jaroj, la 15-an de decembro 1859, naskiĝis en pola urbo Bjelostok idealista profeto, kies bildo ornamas nian titolpaĝon.
Ludoviko Lazaro Zamenhof estis la unua naskito de lingvo-instruisto Marko Zamenhof kaj lia edzino Rozalja Sofer.
Granda ĝojo alportis la naskiĝo en la domo de la neriĉa paro, sed kiam poste sekvis kvar filoj kaj tri filinoj, la salajro fariĝis nesufiĉa kaj la zorgoj pezaj. Tial en 1873 la familio transloĝis al Varsovio, kie la patro akceptis oficialan postenon.
Tmigaj por la juna Ludoviko estis la infanaj jaroj pasigitaj en Bjelostok. En la stratoj de lia naskiĝurbo li estis atestanto de plej kruelaj agoj, faritaj de homo al homo.
Ribeloj kontraŭ la rusa imperio, kiu senindulge subpremis la diversgentan loĝantaron, postlasis sangon, larmojn kaj malamon.
Por rompi la forton de la subpremataj popoloj, la rusa registaro ĵetis gentojn unu kontraŭ la alia. Interbatalis kaj suferis pro tiu diabla ruzo Hebreoj, Litovoj kaj Poloj, Germanoj kaj Rusoj.
Altaj muroj de malamo stariĝis inter la gentoj; venĝemo kaj perfido venenis ilian vivon. Profitemuloj sen moralo aŭ kompato nutris tiun fajron de l' malameco per intrigoj kaj incitoj.
La timigita knabo Zamenhof klare komprenis ke nescio kaj miskompreno inter la diverslingvanoj faciligis al la intriganto sian diablan laboron.
„Se tiuj kompatindaj viktimoj parolus la saman lingvon, tiam la fundo de la malamo ja estus venkita, kaj la provokoj de la abomenindaj perfiduloj perdus sian bazon kaj povon". Tiel pensis la knabo, kaj en lia kapo formiĝis la plano, ke estanta plenkreskulo, li nepre forigos tiujn murojn de nescio kaj miskompreno. En lia fama letero pri la deveno de Esperanto, skribita en 1895 al Nikolaj Borovko li mem diris pri tio:

„Vi demandas min, kiel aperis ĉe mi la ideo krei lingvon internacian. Estas por mi malfacile rakonti al vi ĉion detale, ĉar multon mi mem jam forgesis. La ideo, al kies efektiviĝo mi dediĉis tutan mian vivon, aperis ĉe mi — estas ridinde ĝin diri— en la plej frua infaneco, kaj de tiu ĉi tempo neniam forlasis min; mi vivis kun ĝi kaj eĉ ne povas imagi min sen ĝi. Mi naskiĝis en Bjelostoko, gubernio de Grodno. Tiu ĉi loko de mia naskiĝo kaj de miaj infanaj jaroj donis la direkton al ĉiuj miaj celadoj.
En Bjelostoko la loĝantaro konsistis el kvar diversaj elementoj: Rusoj, Poloj, Germanoj kaj Hebreoj; ĉiuj el tiuj ĉi elementoj parolas apartan lingvon, kaj neamike rilatas la aliajn elementojn. En tia urbo, pli ol ie, la impresema naturo sentas la multpezan malfeliĉon de diverslingveco, kaj konvinkiĝas ĉe ĉiu paŝo, ke la diverseco de lingvoj estas la sola, aŭ almenaŭ la ĉefa kaŭzo kiu disigas la homan familion kaj dividas ĝin en malamikaj partoj. Oni edukis min kiel idealiston; oni instruis ke ĉiuj homoj estas fratoj, kaj dume sur la stratoj kaj en la kortoj, ĉio, ĉe ĉiu paŝo igis min senti, ke homoj ne ekzistas: ekzistas sole Rusoj, Poloj, Germanoj, Hebreoj ktp. Tio ĉi ĉiam forte turmentis mian infanan animon, kvankam multaj eble ridetos pri tiu ĉi „doloro pro la mondo" ĉe infano.
Ĉar al mi tiam ŝajnis ke la „grandaĝoj" posedas ian ĉiopovan forton, mi ripetadis al mi, ke kiam mi estos grandaĝa, mi nepre forigos tiun malbonon."

En Varsovio la juna Zamenhof eniris gimnazion por klasikaj studoj. Tie li klare komprenis la hipokriton en la oficiala historio, la danĝeron kiu kuŝas en blinda fido al libroj, broŝuroj kaj gazetoj, mensogemaj kaj perfidaj.
„Se nur la homoj povus rekte interrilati."
Ja ne sole en Litva lando la gentoj sin reciproke malamas, kaj ne nur tie floras la incitoj. Ĉe potencaj regnoj la registaroj, laŭ la politiko de la momento, gvidas la publikan opinion kontraŭ unu aŭ alia nacio.

Oficialaj agentoj, gazetistoj kaj parolistoj, profitemaj kaj sangavidaj, helpas por formi ĝeneralan senton; per bildoj, presaĵoj kaj paroloj ili tuŝas la korojn de virinoj, vekas indignon ĉe la popolo.
„Rompu, rompu la murojn inter la popoloj".
Per flamaj paroladoj li senlace propagandos por unu homa lingvo, kaj tiel li faligos la murojn.

Malamikete de las nacjes
Kadó, kadó, jam temp' está.

Veturonte tra la mondo, li predikos al la homoj revivigi lingvon de l' antikva tempo — ĉu greka aŭ latina — kaj uzi ĝin por komuna celo.

La tot' homoze en familje
Komunigare so debá.

Tamen tro malfacile lerneblaj tiuj lingvoj estas. Lia lingvo devas esti facile lernebla por la malriĉa popolo, kiu ja ĉiam estas la ĉefaj viktimoj de la oficialaj intrigoj. Facilo kaj logiko devas regi ĝian fundamenton, kaj li komencis malklare revi pri nova, arta lingvo.
Pri tio li skribis en sia letero al Borovko:

„Mi ofte komencadis iajn provojn, elpensadis artifikajn riĉegajn deklinaciojn kaj kunjugaciojn ktp. Sed homa lingvo kun ĝia — kiel ŝajnis al mi — senfina amaso da gramatikaj formoj, kun ĝiaj centoj da miloj da vortoj, per kiuj min timigis la dikaj vortaroj, ŝajnis al mi tiel artifika kaj kolosa maŝino, ke mi ne unufoje diradis al mi: „For la revojn! Tiu ĉi laboro ne estas laŭ homaj fortoj" — sed tamen mi sciam revenadis al mia revo."

Grandega, preskaŭ nefarebla estis la tasko pri kiu li revis. Ĝis kiam per hazardo lia atento turniĝis al la vastaj eblecoj, kiujn prezentas la aplikado de la afiksoj. Sur la terure grandajn vortarojn falis radio de lumo. La studo pri la sufiksoj kaj prefiksoj en diversaj lingvoj montris al li kia riĉa fonto troviĝas en tiu sistemo. Se li uzos konsekvence kaj regule tion, kion la plej multaj lingvoj aplikas blinde kaj senorde, tiam miloj da vortoj memformiĝos sen aparta lernado. Jen li trovis la eblon efike laboradi. De nun lia tasko rapide progresos.

Du jarojn poste — Zamenhof sidis en la lasta klaso de la gimnazio — lia lingvo estis pli malpli preta. La 17-an de decembro 1878 li festis kun kelkaj lernejaj amikoj la sanktigon de la nova lingvo.
En lia propra ĉambro, izolita de la teretaĝo, sonis entuziasmaj paroladoj en la nova lingvo, kaj pacame kaj kun espero la kolegoj kantis la himnon de frateco:

Malamikete de las nacjes
Kadó, kadó, jam temp' está!
La tot' homoze en familje
Konunigare so deba.
(Malamikeco de la nacioj
Falu, falu, jam temp' estas!
La tuta homaro en familio
Kununuigi sin devas.)

Alta estis la revo, sed granda ankoraŭ ilia tasko.
Duonan jaron post la festa inaŭguro de la lingvo Zamenhof finis la gimnazian kurson, kaj la kolegoj disiĝis. La kamaradoj, impresitaj de la alta idealo komen-

cis propagandi por la nova lingvo. Sed kiam ili spertis, ke tio elvokas nur mokojn kaj ridojn ĉe la plenkreskuloj, ili rezignis kaj lasis Zamenhof tute sola kun lia idealo.

Elreviĝo granda, sed hejme atendis lin bato multe pli dolora. Severe la patro admonis lin lasi la okupojn de sia lingvo kaj dediĉi sian tutan tempon al serioza studado. Jam venis la tempo por pensi pri pli serioza flanko de la vivo, kaj meti finon al ĉiaj ludaĵoj. Studo kaj ankoraŭ studo urĝas por atingi kuracistan gradon, kiu ja estas unu el malmultaj karieroj permesitaj al Hebreoj en la rusa imperio. Li devis promesi ke li forlasos la aferon pri mondlingvo. En la ŝranko de la patro fermiĝis la tiom pene faritaj manuskriptoj. Peza kaj kruela por li estis la ofero.

Tiel finiĝis la unua periodo de la lingvo. Zamenhof vojaĝis al Moskvo por komenci la medicinan studon. Malriĉe li vivis tie, kaj sen idealoj, ĉar antaŭ ĉio li volis plenumi la promeson al la patro. Sed granda malpleno doloris en lia koro. Kiel vivi sen idealo?

En 1881 li revenis hejmen por daŭrigi la studon ĉe universitato Varsovia. Montriĝis ke la patro — por savi sian filon — detruis la manuskriptojn de ties interfratiga lingvo.

Granda estis la bato, sed unu luma punkto tamen aperis: la patro redonis al la filo la iam postulatan promeson por rezigni pri sia lingva laboro.

Kaj refoje komenciĝis la sama giganta tasko. Kun fervoro la studento laboradis, kaj montriĝis ke la produkto radikis tiom profunde en la cerbo, ke pli facile ol antaŭe li solvis la problemojn. Jam estis progreso.

Novaj ses jaroj li laboris ĉiutage super sia lingvo; provis tradukis, kaj skribis verkojn originalajn; ŝanĝis formojn kaj faris multajn plibonigojn. Sed li laboris tute silente kaj al neniu li parolis pri la giganta tasko, al kies plenumado li oferis tute sian junecon.

Ĝi estis por li tempo tre malfacila. La kaŝeco turmentis lin, kaj li nevolonte eliris. Nenie li ĉeestis, en nenio li partoprenis. En rondoj societaj li sentis sin fremdulo. Kaj tiel pasis for la plej belaj jaroj el la vivo de studento, malgaje kaj malfacile.

Por forkonduki la malgajajn pensojn for de la propra sorto, li ofte pentris en versaĵoj sian animstaton. Sian solecon li esprimis per la versaĵo:

## MIA PENSO

*Sur la kampo, for de l' mondo, antaŭ nokto de somero,*
*Amikino en la rondo, kantas kanton pri l' espero,*
*Kaj pri vivo detruita, ŝi rakontas kompatante, —*
*Mia vundo refrapita, min doloras resangante.*

*Fajron sentas mi interne, vivi ankaŭ mi deziras;*
*Io pelas min eterne, se mi al gajuloj iras . . .*
*Se ne plaĉas al la sorto, mia penso kaj loboro —*
*Venu tuj al mi la morto, en espero — sen doloro!*

Een 1885 Zamenhof ricevis diplomon kuracistan, sed montriĝis malfacile trovi sufiĉan klientaron. Neprospera estis la komenco, ĉar modesteco melhelpis lin postuli bonan pagon. Tiu sentema karaktero faris lin netaŭga por la kuracista praktiko. Tial li vojaĝis al Vieno por studi okulistan fakon, kaj en 1886 komencis praktikon en Varsovio.

Tie li edziĝis en 1887 kun Klara Zilbernik, filino de Kovna komercisto, kiu proponis al la bofilo monhelpon por eldoni broŝuron pri sia lingvo.
Post longa atendado, maltrankvilo kaj timo la cenzuristo donis la permeson por presado la 14-an de julio 1887.
Nova periodo de laborado prezentis sin al la junaj geedzoj. Kun helpo de la „amikino en la rondo" Zamenhof sendis la broŝuron al gazetoj kaj personoj ĉiulandaj. La lingvo, kiu eniris la mondon estis jam tute alia ol la projekto de 1878. Baldaŭ la mondo juĝos pri la produkto de lia multjara sinofera laborado. Ĉu la lingvo estos favore akceptata? Aŭ ĉu iu verdikto difektos ankaŭ lian privatan karieron? Ĉu la homoj primokos la verkon al kiu, en sindona idealismo, li dediĉis sian talenton, sian forton, kaj sian vivon? Ĉu oni mallaŭdas la rezulton de liaj multjaraj klopodoj? Tiel nepre ne devas esti!

*Ho, mia kor' ne batu maltrankvile*
*El mia brusto nun ne saltu for'!*
*Jam teni min ne povas mi facile*
*Ho, mia kor'!*

*Ho, mia kor'! Post longa laborado*
*Ĉu mi ne venkos en decida hor'!*
*Sufiĉe! trankviliĝu de l' batado*
*Ho, mia kor'!*

Tiel sin esprimis per nova poemeto la maltrankvila homo.
Tamen post longa atendado venis — unu post unu — la respondoj; demandoj, konsiloj kaj aproboj. Kelkaj el tiuj favoraj leteroj estis skribitaj jam en la nova lingvo. Formiĝis rondo familia ĉirkaŭ la lingvo kaj ĝia aŭtoro, kiu komencis korespondi kun multaj aliĝintoj.
Baldaŭ la lingvo de D-ro Esperanto nomiĝis tute simple „Esperanto".
Tro dolĉa la venko tamen ne estis. Per la klopodoj al progreso aperis novaj zorgoj, ĉefe financaj. Kun entuziasmo fonditaj gazetoj malaperis pro manko de mono; sin trudis la batalo kontraŭ ĵaluzo, envio kaj perfido.
Neagrable por la modesta kaj preskaŭ sinĝena homo estis la devo eliri publike en la cetere brilaj kongresoj. Malfacile estis la vivo de la nobla viro, kiu sendube estis unu el la plej grandaj herooj de la historio.
Nenion postulante por si mem, li oferis junecon, sanon kaj feliĉon sur la altaron de sia nobla idealismo. Kvazaŭ sanktulo li vivas eterne en la koro de miloj da Esperantistoj, kiuj en ĉi tiu momento promesas al si:

Kuraĝe kaj rekte kaj neflankiĝante
Ni iras la vojon celitan.

Pli ol 70 jaroj jam vivas lia lingvo. La adaptaro kreskas, kreskadas. Paca armeo laboradas obstine kaj persiste por pluraj progresoj.
En ĉi tiu paca batalado por la fina venko, nia faka movado avide partoprenas, ĉar Esperanto estas por ni pli ol nura lingvo. En multaj kongresoj ni spertis la amikecon, kiun ĝi alportas al homoj de plej diversaj nacioj; ni konvinkiĝis ke ĝi plene kapablas plenumi la mision, kiun atribuis al sia grandioza verko ĝia kreinto. Tial nia faka movado depost ĝia stariĝo daŭre kreskis, kaj nur tial niaj kolegoj en multaj landoj daŭre laboradas por ĝia progreso.
En ĉi tiu momento de solena memorigo ni dankas al ili ĉiuj por la plenvalora subteno donita al la idealo, por kiu oferis grandan parton de sia vivo, nia majstro.

*La Prezidanto*

## ESPERANTO KAJ VOLAPÜK

**de D-ro Zamenhof**

En la profunda antikveco, rakontas la biblia legendo, la homoj volis konstrui turon altan ĝis la ĉielo. Ekkolerinte pro tiu ĉi fiera entrepreno de la homoj, Dio miksis ilian lingvon, kaj la homoj ĉesis kompreni unu la alian.
Tio ĉi estis unu el la plej grandaj malfeliĉoj de la homaro. Multe la homoj devis kaj devas suferi pro tiu ĉi mikso de la lingvoj, kaj tre ofte en siaj sonĝoj ili transportadis sin al tiu legenda, paradiza, antaŭbabilona tempo, kiu perdiĝis por ili ŝajne por eterne. Prezentante la pentrojn de ia feliĉa tre malproksima tempo estonta, la profetoj kaj poetoj promesas al ni, ke estos ian unu popolo sur la tuta tero kaj ĉiuj homoj parolados unu lingvon. Ĉu tiu ĉi dolĉa ora tempo estas frukto de fantazio neniam efektivigebla? Longan tempon neniu en la mondo respondas tiun ĉi demandon alie ol: „Jes, lingvo tutmonda estas dolĉa utopio, kiu neniam povos efektiviĝi".
Kaj en nia tempo ankoraŭ la plej granda parto de tielnomataj „prudentaj" homoj, kiuj ne amas pripensi ian novan demandon kaj por kiu ĉiu nova celado estas absurdo — kun jupitera graveco respondos al vi: „Lingvo tutmonda estas sensencaĵo, kaj tiuj, kiuj sin okupas je ĝi, estas ideotoj!"
Kaj se tiuj ĉi „prudentaj" homoj havas ankoraŭ ian influon sur la amasoj, tiam tiuj ĉi amasoj blinde ripetadas iliajn vortojn kaj eĉ ne prenas sur sin la laboron rigardi, kio estas „lingvo tutmonda", ne donas al si eĉ por unu minuto la demandon: kial oni nomas tiujn homojn utopiistoj? Eble tiuj utopiistoj estas pravaj?

(Represita el **La Esperantisto** de septembro 1889, n-ro 1)

## Nekrologo

S-ano Ludwig Rametsteiner, emeritulo de la ÖBB, Linz/D. (Aŭstrio) mortis post longdaŭra malsano la 3an de septembro 1959 en 60-jara aĝo. Li estis fidela membro de IFEF, pro tio ni funebras. Al la familianoj kaj parencoj de nia mortinta amiko la IFEF-estraro sendas la sincerajn kondolencojn.

La surmarigado de

## „LUDWIK ZAMENHOF"



Grande sukceso de la esperantistoj en Gdynia kaj de la pola esperantistaro estas la surmarigado de la ŝipo *„Ludwik Zamenhof"*. Jam ekde la jaro 1957 la esperantistoj en Gdynia klopodis nomigo de unu el la novkonstruotaj dektunŝipoj je nomo de la patro de Esperanto „D-ro Zamenhof" aŭ de lia ideo „Esperanto".
Tiun ideon incitis la prezidanto de la Esperanta Asocio en Gdynia, Erazm Nawrowski, oficisto de la Fervoja Direkcio en Gdansk, dum la solena akademio, kiu okazis la 15-an de decembro 1957, okaze de la 98-jara datreveno de naskiĝo de la kreinto de Esperanto. Li pretigis la rezolucoin pri nomigo je nomo: „Dro Zamenhof" aŭ „Esperanto" de unu el la plej grandaj navigantaj unuoj de la pola komerco ŝiparo, kiu devus okazi en la jaro 1959, en kiu Esperantujo estas festanta la centan datrevenon de naskiĝo de Zamenhof. La petskribo estis forsendata al la Ministro de Mara Navigado kaj Akva Mastrumado D-ro Daski.
La respondo de la Departamento de Navigado alvenis post mallonga tempo kaj ĝi estis favora. La 12-an de julio 1959 estis surmarigata en Split, Jugoslavio por la pola ŝipkompanio „Polskie Linie Oceanizone", la plenmara 12-miltuna motorŝipo „ZAMENHOF". La efektiviĝo de tiu revo pruvas, ke grandaj ideoj povas esti realigataj. Kiel inicianto de nomigo de la unua ŝipo je nomo „Zamenhof", kolego Nawrowski ĵetas al la esperantistaro la alvokon starigi internacian komitaton por nomigi la duan grandan filinan ŝipon je nomo „ESPERANTO". Pri la realigo de tiu ideo klopodu la esperantistaro en la tuta mondo, ĉefe la esperantistoj de la apudmaraj landoj.
La IFEF-estraro tutkore gratulas s-ron Nawrowski kaj la polajn esperantistojn pri ilia granda sukceso, kaj forte ĝi esperas, ke la esperantistoj en iu lando sukcesos nomigi alian ŝipon „ESPERANTO".
Tiam la ṇomo de la internacia lingvo efektive disvastiĝos tra la tuta mondo.

## ZAMENHOFBULVARDO EN ZWOLLE, NEDERLANDO

La komunumestraro en Zwolle konsentis nomi iun straton en tiu urbo: „Zamenhofbulvardo". Ĝi estas novkonstruata, sufiĉe grava strato, proksime al la urba centro, do ne en preskaŭ forgesita angulo de la urbo.
Ĉar la strato ne ankoraŭ estas preta, la enaŭguro okazos poste.
Anticipante la omaĝon, ni jam nun gratulas la esperantistojn en Zwolle, inter kiuj troviĝas ankaŭ kelkaj el niaj tre fervoraj membroj, pri ilia sukceso, kiu estas deca fino de la Zamenhofjaro.

# La 12a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso




**HELSINKI Finnlando 11 ĝis 16 junio 1960**

Adreso: Helsinginkatu 6 B 50 Helsinki

Bankkonto: 60264 PYP Pohjois - Haaga, Helsinki

**Informilo n-ro 2**

Honora prezidanto: Erkki Aalto, Ĉefdirektoro de V.R.
Honora komitato: R. H. Oittinen, Ĉefdirektoro de lerneja supera administracio; J. T. Kivistö, Helpurbestro de Helsinki; J. Lennes, Vicdirektoro de V.R., prezidanto de la finna sekcio de FICAIC; Y. Ollilainen, Ĉefo de Sociala Servo de V.R.; M. Voltti, Direktoro de Fervoja Instituto, kaj Y. Kallinen, Instrua Konsilisto, Prezidanto de la Laborista Kleriga Ligo.

## KONGRESO PROGAMO

(La L.K.K. reservas la rajton ŝanĝi la programon.)

| | | | |
|---|---|---|---|
| Sabato | 11—6 | 8 h. | Malfermo de la kongresejo. |
| | | 20 h. | Interkonatiĝa vespero. |
| Dimanĉo | 12—16 | 10 h. | Solena malfermo de la kongreso. |
| | | 13 h. | Fotografado. |
| | | 15 h. | Urba rondveturado. |
| | | | Libera vespero. |
| Lundo | 13—6 | 9.30 | Redaktora kunveno. |
| | | 15 h. | Terminara kunveno. |
| | | 20 h. | Kultura vespero. |
| Mardo | 14—6 | 9.30 | Estrara kaj delegitara kunveno. |
| | | 15 h. | Fakprelegoj. |
| | | 20 h. | Filmvespero. |
| Merkredo | 15—6 | 9.30 | Laborkunsido. |
| | | 14 h. | Daŭrigo de la laborkunsido. |
| | | 19 h. | Kongresbalo. |
| Ĵaŭdo | 16—6 | 7—22 h. | Tuttage ekskurso (Arĝenta Linio). |

Bonvolu anonci vin kiel eble plej baldaŭ. Se vi faras tion antaŭ la 1-a de marto, via kotizo estas 300 Fmk malpli.
Atentu — Pluraj informoj sekvos en la venonta Internacia Fervojisto.
La kongresaliĝilo troviĝas en la nuna numero.

La L.K.K.

## INFORMOJ DE LA IFEF-ESTRARO

La programo de la diversaj kunsidoj kaj la kongresproponoj estos presataj en la februara numero de L.I.F.
Bonvolu do ensendi viajn proponojn antaŭ la 1-a de januaro.
En la sama numero aperos la jarraportoj.

## LA LEGANTOJ PAROLAS

Iom surprizis min la noto en n-ro 1 de L.I.F. (oktobro 1959) paĝo 8, pri skribmaŝino kun Esperanto-glavaro. Ĉu ne pri Esperanta *klavaro?* Certe ja ne temas pri armila uzo de nia paca lingvo (Ni ankaŭ ne kredas tion. - Red. L.I.F.).
La maŝino speciala mendita de la GEFA je aldona kosto de 63 gm ja ne estas maloftaĵo kaj la problemo de la adapto de iu nacilingva klavaro al la esperanta alfabeto estas solvebla multe pli simple kaj je malpli granda kosto. Fakte la rimedo, pri kiu mi parolas estas jam delonge kaj tre ofte aplikata kiam necesas kombini ekz. la origine germanan klavaron kun franca alfabeto, aŭ inverse. Ni ĉiam forgesas, ke la supersignoj ne estas ja ekskluziva trajto de Esperanto. La germana havas unu supersignon, kiu afektas tri klavojn. La franca havas kvar supersignojn, kiuj afektas kvin literojn, kaj krome havas unu subsignon. Sume — la francaj kromsignoj afektas 12 klavojn. Esperanto havas nur du supersignojn, kiuj afektas ses literojn kaj saman nombron da klavoj. La franca alfabeto do estas multe pli komplika ol la esperanta. Kaj tamen ĉiu riparisto de skribmaŝinoj facile adaptas iulingvan skribmaŝinon al la franca lingvo.
Kiel? Simple apartigante la kromsignojn de la literoj, kiujn ili afektas. Li ŝanĝas la kompostilojn de la malplej multe uzataj klavoj, enmetante tien la koncernajn supersignojn kaj elŝaltas tiujn klavojn el la progresiga mekanismo de la cilindro. En kazo de Esperanto oni elektas nur du klavojn kun malplej utilaj signoj aŭ kun signoj facile kombineblaj, ekz: frakcioj kaj valutsignoj.
Unu el tiuj klavoj ricevas cirkumfleksojn (majusklan kaj minusklan) kaj oni elŝaltas ĝin el la progresiga mekanismo de la cilindro.
Por skribi ekz. „ŝ" vi frapas unue la klavon „ˆ", la cirkumflekso aperas sur papero, sed la cilindro ne progresas. Poste vi frapas „s"; ĝi aperas sub la „ˆ", formante „ŝ", kaj la cilindro moviĝas je unu literlarĝo. La dua klavo estu dediĉita al la „Ŭ ŭ", sen iu ŝanĝo de mekanismo. (Se tiu litero mankas en la kompostilaro de la laborejo, oni metu la supersignon majusklan kaj minusklan kaj elŝaltu la klavon.)
La kosto de tiuj du modifoj en modernaj maŝinoj estas malgranda.
(Mi skribas per skribmaŝino adaptita al kvar lingvoj samtempe; tial mankas al mi la signo por „ŭ". La kosto de la ŝanĝo de unu klavo por uzi ĝin kun esperanta supersigno estis nur ĉ. 7.50 gm en brita mono.)

*D-ro M. Waysblum.*

En la oktobra numero de la Internacia Fervojisto mi legas sur paĝo 6 en la artikolo: „Albuma folio de la 11-a IFEF-kongreso i.a.: „Se anĝeloj vojaĝas, la ĉielo ploras". Kelkfoje mi aŭdis tiun proverbon, sed la ĉielo tiam ne ploris, sed ridis. Ankaŭ iam en Aŭstrio sinjorino diris al mia edzino: „Wenn Engeln reisen, lächelt der Himmel". Kio nun estas ĝusta?

*J. C. Kries*

Kvankam ankaŭ mi iom miris pri la vorto „ploras" en la supre nomita artikolo, el la kunteksto tamen montriĝis ke ne temas pri skriberaro. Kiu do pravas? - Red. L.I.F.

## LINGVAJ DEMANDOJ

S-ro Edward M. Rosher skribas al ni:
„Kiel fervojisto dum pli ol 50 jaroj de servo, mi propetas ne forĵetu la vorton „trajno" kiel teknikan terminon por tiu, kiun en vulgara lingvo oni uzas „vagonaro". Certe vagonaro povas esti teknike „trajno", sed la termino „trajno" estas difinita ne sole kiel „aro da vagonoj sekvantaj unu la alian, kunligitaj kaj tirataj de lokomotivo", sed ankaŭ kiel „lokomotivo sola aŭ alispeca surrela veturilo, iranta laŭ horaro de iu trajno".
Vidu „fervoja terminaro" eldonita de Centra Oficejo de I.E.L. Jarlibro 1939.
Ĉu disel-elektra veturilo, kiu certe ne estas „aro da vagonoj" ne estas trajno se ĝi iras laŭhorare?
„Vagono" estas tro longa por kunmetitaj vortoj, kaj estas multaj tiaj en fervojtekniko. La ebleco konfuzi militan „trajno" da veturiloj, estas tre neprobabla. La kunteksto evitas tion.
„Trajno" jam estas en uzo de kaj dum almenaŭ tridek jaroj. Ĝi ankaŭ estas sufiĉe internacia. A: train, Fran: train; Hisp: tren; It: treno.
Ĝi aperas en PV, Christaller, Fulcher, Long, ktp. Por teknika uzo ĝi nepre laŭ mi, necesas. Do lasu ĝin por tiuj kiuj deziras uzi ĝin.
Alia punkto: Aro da vagonoj, eĉ se kuplitaj, staranta sur trako, teknike ne estas trajno, ĝis la horo de foriro, sed nur „aro da vagonoj": La trajno pro mismeto de la pintreloj koliziis kontraŭ aro da vagonoj sur flanktrako".
S-ro Rosher defendas la vorton „trajno" pro tio ke ĝi estas internacie konata, kaj petas ne forigi ĝin kiel terminon.
Nu, ni tute ne pensas pri forigo, ĉar ankaŭ ni trovas ĝin bela vorto. Ni envicigu ĝin do inter la t.n. „fremdaj vortoj", t.e. tiuj, kiujn la plimulte de la lingvoj prenis el la sama fonto. Ili estas en la internacia lingvo uzataj sen ŝanĝo; ili ricevas nur la ortografion kaj gramatikajn finaĵojn de tiu ĉi lingvo. - Red. L.I.F.

## JUBILEA MEDALO DE ZAMENHOF

Omaĝe al Zamenhof Pola Esperanto-Asocio eldonis medalon dediĉitan al la centjara datreveno de lia naskiĝo.
Aŭtoro de la medalo estas la elstara pola skulptisto J. Goslawski. La medalo havas diametron de 70 mm. Sur unu flanko troviĝas portreto de Zamenhof kun subskribo: „Ludoviko Zamenhof, aŭtoro de Esperanto, 1859—1917".
Sur la alia ni legas la jenan tekston: „Omaĝe al Zamenhof en la centjara datreveno de la naskiĝo, Varsovio MCMLIX".
La medalo prezentas memoran kaj artan valoron. Ĉiu esperantisto havu ĝin kiel memoraĵon pri la centjara datreveno de Zamenhof. Ĝi ornamos ĉies skribotablon. La medalo aperis en du specoj: bronza kaj arĝenta. La bronza kun skatolo kostas 5 dolarojn, la arĝenta, kun la sama skatolo kostas 6 dolarojn. Oni povas ankaŭ aĉeti medalojn sen skatoloj. Tiam la respektivaj prezoj estas 4 kaj 5 dolaroj. La perantoj, kiuj mendas minimume dek pecojn, ricevos rabaton de 20 %. Mendojn bonvolu direkti al: Pola Esperanto-Asocio, Warszawa, Nowy Ŝwiat 27, Pollando.

## NI RICEVIS

**Esperanto-prospekto pri Nürnberg**

Eldono de Verkehrsverein Nürnberg E.V. Germanio, Hauptmarkt 18.
Ĝi prezentas mapon de la urba centro kun klarigoj de la ĉefaj vidindaĵoj. La pli ol 900-jara urbo estas kultura kaj ekonomia centro de Germanio. Ĝi situas en la tranĉpunkto de la plej malnovaj kaj plej famaj eŭropaj turismaj vojoj.
La prospekto raportas pri la historia kaj ekonomia signifoj de tiu ĉi urbo kaj multaj arthistoriaj vidindaĵoj.
Por la esperantistoj Nürnberg estas speciala allogilo. Ĉi tie estis fondata en la jaro 1888 la una Esperanto-grupo de la mondo. En 1889 aperis ĉi tie la unua Esperanto-gazeto „La Esperantisto" sub kunlaboro de D-ro Zamenhof. En la jaro 1923 okazis en Nürnberg la 15-a Universala Kongreso de Esperanto kun 5000 esperantistoj el la tuta mondo.
Nürnberg do ludis gravan rolon en la unua tempo de Esperanto, kaj estas hodiaŭ la turisma celo de ĉiujare kreskanta nombro da esperantistoj el ĉiuj kvin kontinentoj.

**Salto tra jarcentoj, Bela kaj komforta, Sei weise — reise**

Tri reklamiloj, tute en Esperanto, de la Germana Federacia Fervojo, kiuj senkoste estas haveblaj per la eldonisto: „Bundesbahn-Werbeambt" Frankfurt Main, aŭ per la Germana Esperanta Fervojista Asocio Frankfurt (Main), Karlstrasse 4-6.
La unua prospekto per bildoj komparas la perfervojan vojaĝon antaŭ jarcento kaj nun. Estas konata fakto ke niaj prapatroj tre malfide kaj skeptike akceptis la ekfunkcion de la fervojo. Kelkaj nomis ĝin „Diabla eltrovaĵo", kiu kondukos al pereigo de la homaro, ĉar rapidecon de 30 kmh neniu eltenas. Multaj desegnaĵoj de tiamaj karakturistoj estas konservitaj, el kiuj estas reproduktitaj en „Salto tra jarcentoj", tiuj de la fama karakturisto Honoré Daumier.
Kiel kontraston oni trovas sur la apudaj paĝoj bildojn, kiuj montras la nuntempan vojaĝon en komfortaj trajnoj, veturantaj je rapideco de pli ol 100 kmh.
La prospekto „Bela kaj komforta" montras kiel la pasaĝeroj nuntempe estas transportataj en lit-, danc- kaj restoracivagonoj.
„Sei weise — reise" informas pri la prezoj de vojaĝo en dorm- aŭ litvagonoj pri tarifoj de ekskursbiletoj, la manĝaĵo en la restoracivagonoj.
Precipe la lasta estas por ni fervojistoj tre grava. Ĉu ne ofte okazas ke oni deziras varman manĝaĵon dum la longa veturado al la kongresurbo?
Nur pro nescio de la prezoj oni hezitas eniri la restoracion.
Ni do rekomendas al ĉiuj, kiuj intencas vojaĝi tra aŭ en Germanion, peti la tri prospektojn.

## INTERNACIA FERIOSEMAJNO SUR HERZBERG

La plena kontenteco de la partoprenintoj de la IFS 1959 kuraĝigas kolegon Hunkeler denove organizi tiun belegan feriosemajnon de la 20-a ĝis la 25-a (eble la 26-a) de junio 1960.
Kompleta prospekto kun prezindiko estas havebla ekde januaro 1960 ĉe Hans Hunkeler, trajnĉefo, Girixweg 31, A a r a u, Svislando.

---

Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando